# THE BRITISH ESPERANTIST

WITH WHICH IS INCORPORATED

INTERNATIONAL LANGUAGE

VOL. XXX, No. 376. AUGUST, 1936.


## LA REDAKCIO KOMENTAS

**U. E. A.**

KUN granda ĝojo ni anoncas en tiu ĉi numero la rezulton de la baloto pri la statuto de U.E.A., el kiu montriĝas, ke pli 75% el la voĉdonintaj delegitoj subtenas la agadon de la Prezidanto kaj la Estraro, kaj konfirmas la elekton de Londono kiel hejmo de la Asocio.

Estas feliĉa cirkonstanco, ke tiu ĉi problemo trovis solvon antaŭ la Universala Kongreso, kiu pro tio ne devos kunveni ĉi-jare sub la ombro de interna konflikto, kiel tiom ofte okazis en pasintaj jaroj.

Fidela je sia promeso, la nova Direktoro sukcesis eldoni kaj dissendi la Jarlibron antaŭ la fino de junio, kaj ni plezure ricevis la pli malgrandan, sed egale riĉenhavan Jarlibron de 1936, la unuan el angla presejo.

La svisa proceso kaj la deviga restado en Ĝenevo tute malekvilibrigis la budĝeton de U.E.A. por tiu ĉi jaro, sed tion ĉi povas kompensi la aliĝo de multaj novaj Aktivaj Membroj. *Verb sap.*

* * *

**Viena Kongreso.**

Ĉi tiun monaton la bela metropolo de Aŭstrio gastigos la 28an Universalan Kongreson. Al la Organiza Komitato, kiu tiel forte kaj sucese laboradis dum multaj monatoj, ne nur por aranĝi la kongreson mem, sed por akiri la subtenon de la plej altaj personoj en la ŝtato, gajni la intereson de la grandaj institucioj de la lando, kaj instigi la turistajn informejojn eldoni grandan kvanton da Esperanta literaturo pri Aŭstrio, ni deziras la plej bonan rekompencon, kiun ĝi mem povus deziri : sukcesan kongreson.

Ni esperas, ke nia septembra numero povos alporti raporton pri la 28a al tiuj, kiuj ne havas la feliĉon partopreni ĝin.

**Germanujo.**

Novan baton ricevis nia Movado en Germanujo. Malgraŭ la decido ĉe la pentekosta kongreso en Weimar, daŭrigi la agadon de G.E.A., venis registara ordono, kiu malpermesas al germanaj ŝtatanoj membrecon de organizaĵoj celantaj la disvastigon de artefarita lingvo. Laŭ tiu ordono, G.E.A. (Deutscher Esperanto-Bund e. V.) devis likvidiĝi antaŭ la mezo de julio, 1936. Ankaŭ sekvas el tio ĉi, ke U.E.A. de nun havas nek membrojn nek delegitojn en Germanujo.

Tiu ĉi malpermeso de organizita Esperantismo estas unika en la duonjarcento de nia historio. Ni atentigas, tamen, ke la privata lernado kaj uzado de Esperanto mem ne estas malpermesita.

Al niaj samideanoj en Germanujo ni esprimas nian tutkoran kunsenton en tiuj ĉi malfacilaj tagoj, kaj esperas, ke ili trovos la kuraĝon por konservi sian fidelecon al nia ideo, ĝis la tago, kiam la ĉielo denove sennubiĝos. Intertempe ni publikigas ilian peton, ke Esperantistoj ekster Germanujo sin detenu de iu agado, kiu povus malfaciligi iliajn klopodojn.

* * *

**I.A.L.A.**

En niaj bibliografiaj paĝoj aperas recenzo de broŝuro lastatempe eldonita de International Auxiliary Language Association en New York, kiu prezentas "Planon por atingi Interkonsenton pri Helpa Mondlingvo." Prave nia Literatura Redaktoro esprimas sian timon, kiel fervora Esperantisto-Fundamentisto, ke oni preparas por ni karnavalon similan al tiu de la famaĉa Delegacio de 1907.

Ni hezitas kondamni la agadon de I.A.L.A., kiu ĝuas la kunlaboron de kelkaj eminentaj kaj verŝajne fidelaj Zamenhofanoj.

Ni tamen bonvenigus honestan klarigon pri ties intencoj. Aparte maltrankviliga estas la cito, en listo de konstruitaj lingvoj konsiderataj, de "Esperanto II," pri kiu ni ĝis nun aŭdis nenion. Ĉu eble alia "malhela ĉevalo" el la stalo, kiu surprizis la Movadon en 1907?

---

**AL KORESPONDEMULOJ.**

**La Redakcio konstante ricevadas petojn de eksterlandaj samideanoj, kiuj deziras trovi korespondantojn en Britujo. Ni bedaŭras, ke ni ne povas senpage presigi tiajn alvokojn, sed ni volonte akceptus ilin, simile al aliaj gazetoj, kiel anoncetojn, laŭ la tarifo: 1ŝ. aŭ 5 resp. kup. por 12 vortoj.**

---


## THE BRITISH ESPERANTIST

**Publishers (Eldonistoj):**
THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION,
142, HIGH HOLBORN, LONDON, W.C.1.
*Telephone:* HOLBORN 4794.

**Editor (Ĉefredaktoro):**
FRED WADHAM

**Literary Editor (Literatura Redaktoro):**
MONTAGU C. BUTLER, M.R.S.T.

RATES OF SUBSCRIPTION *(including postage to any part of the world)—Twelve months,* 2/6. *Single copies, Three Penny Stamps. (Free to B.E.A. members).*

ADVERTISEMENT RATES *will be quoted on application to the Secretary of the B.E.A.*

JARABONO: 3 svisaj frankoj. Unuopaj ekzempleroj: po 30 centimoj (aŭ unu respondkupono). Oni sendu manuskriptojn al la Ĉefredaktoro. Li resendos nur tiujn manuskriptojn, kiujn akompanos afrankita koverto, aŭ respondkupono. Li rezervas la rajton fari korektojn laŭbezone.

MANUSCRIPTS *should be typewritten, and be addressed to* THE EDITOR. *Although care will be taken to return rejected manuscripts, the Editor does not hold himself responsible for loss or damage, nor does he undertake to return manuscripts unaccompanied by a stamped addressed envelope. He is not necessarily in agreement with views expressed in signed articles, but accepts responsibility for those unsigned. Matter should be received by the 8th of the month.*

THE BRITISH ESPERANTO ASSOCIATION *consists of Fellows, Members, Affiliated Groups, and Federations. The Annual Subscriptions are:— Fellows,* 21/–; *Members,* 5/–; *Junior Members (under* 18), 2/6; *Life Fellowship,* £12. 12s. 0d.; *Life Membership,* £5. *(See prospectus).*


# IN THE CAR—JUNE

5–7, **Swanwick.** B.E.A. Congress.
8, **Rocester.** Abbotsholme School.
10, **Paddington.** Senior St. (Boys).
11, **Greenwich.** Central School (Boys).
17 **Petham.** C.E. School.
17, **Sandwich.** Stonar House School.
17, **Canterbury.** Kent College.
22, **Eastbourne.** Rotary Club. Cavendish Senior School. Esperanto Group.
23, **Hurstmonceaux.** C.E. School.
23, **Eastbourne.** St. Andrew's School, The Meads.

At Paddington we had the company of our President, Mr. G. D. Buchanan. Greenwich gave us a very keen audience; every boy bought a text-book. The Head at Petham is the famous Miss E. Hogg, of *The Eccles Experiment;* it was a joy to meet her, and to hear that she hopes to rejoin the movement actively. Stonar House School gave us the whole afternoon; the whole atmosphere of the school was that of friendship and welcome.

At Kent College 120 senior boys had a talk in the morning, and several came again in the evening for a voluntary lesson. For an introduction to this school and to Stonar House we are indebted to Mr. H. Sewell. 150 children at the Cavendish School greeted us with *La Espero* and other Esperanto songs; they showed real enthusiasm. Some children are learning Esperanto there after school hours under the capable instruction of the Head. In the evening we met the nucleus of what promises to be a flourishing young group. At St. Andrew's the 90 boys present bought 100 books.

During the six months January–June, 1936, we have visited 83 schools, and given a lesson to 11,200 children, some 330 teachers being present. About 5,000 copies of *Esperanto for Beginners* have been sold. Thirty-two other meetings have been addressed, making a total of 115 meetings.

# NEW EDUCATION FELLOWSHIP

Mr. M. C. Butler has been deputed to represent the B.E.A. at the World Conference of the New Education Fellowship in August at Cheltenham. There will be several other Esperantist members, including Prof. Bovet of Geneva (a Vice-President of the Fellowship) and Miss V. C. Nixon, Secretary of the B.E.A. Education Committee, who has been officially invited by the Conference authorities to open a discussion on Esperanto. An exhibition of literature has been arranged in co-operation with the Cheltenham Esperanto Society.

# SCHOLARSHIP FOR TEACHERS

The £10 scholarship offered in the June issue of this journal, to enable a teacher to attend a Cseh course at Arnhem, has been awarded to Mr. L. T. Impey, of Romford.

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## Centra Oficejo

En Ĝenevo, je la 4a de julio, tri-persona komisiono kontrolis la ensenditajn voĉdonilojn, kaj konstatis, ke la rezulto de la voĉdonado estas jena :—

Dissenditaj voĉdoniloj : 1400. Resenditaj validaj voĉdoniloj : 901, el kiuj 710 aprobis la translokigon de la Centra Oficejo al Londono, kaj 191 voĉdonis kontraŭ ĝi.

La translokiĝo okazos dum la nuna semajno, kaj de nun oni sendu ĉiujn leterojn, gazetojn, k.t.p., por U.E.A. al 142, High Holborn, London, W.C.1, Anglujo. Ni ordigos ĉion kiel eble plej rapide, kaj esperas, ke tre baldaŭ la oficejo tiel bone funkcios, ke ne plu okazos prokrasto en respondoj al leteroj aŭ liverado de dokumentoj kaj libroj. Ni esperas, ke ĉiu Esperantisto kiu povas, aliĝos aŭ realiĝos al U.E.A. kiel Aktiva Membro, por helpi ĝin en la plej danĝera momento de ĝia vivo. La jarlibro estas jam preta, kaj povas esti sendata tuj post ricevo de la kotizo.* Mi kaj miaj kunlaborantoj celas kontentigi ĉiun membron, kaj pro tio ricevi de ili tiun fortan subtenon kaj helpon, sen kiu neniu asocio povas sukcesi.

* Membroj kaj Fratuloj de B.E.A. povas fariĝi Aktivaj Membroj, pagante 4ŝ. (Membro kun Jarlibro) aŭ 11ŝ. (M. Abonanto) al la Sekretario de B.E.A.

## Post la Baloto

Nun, kiam espereble finiĝis la dissendo de cirkuleroj kaj leteroj, kaj la voĉdonado montris, ke la delegitoj preferas, ke U.E.A. vivu en Londono, oni povas trankvile pensi, kaj en Vieno fari la necesajn paŝojn por certigi ĝian estontan vivon. Tie ni esperas klarigi al la kongresanoj niajn planojn por plibonigi la Asocion, por kreskigi la membraron, por plivigligi la propagandon : unuvorte, por montri al ĉiu, ke U.E.A. povas esti, kaj intencas esti unu el la plej gravaj internaciaj asocioj en la tuta mondo.

* * *

Jam dum jaroj ni perdis per internaj disputoj multon el la forto, kiun ni povus havi. Feliĉe la atmosfero jam komencis heliĝi. Plej kredeble ni povos anonci en la kongreso kontraktojn pri kunlaboro kun Heroldo de Esperanto, kaj kun la Cseh-Instituto. Ni esperu, ke tio estas nur la komenco de la forigo de ĉiuj malakordiĝoj, kaj ke kiam ni denove renkontiĝos en Varsovio por la kongreso, kiu celebros la Jubileon de Esperanto, ni povos diri, ke ni estas vere "unu rondo laboranta por unu celo."

CECIL C. GOLDSMITH,
*Direktoro de U.E.A.*

*Ĝenevo*, 6 *julio*, 1936.




## ESPERANTA RADIOPROGRAMO—AŬGUSTO, 1936.

| Tago kaj Dato. | | Horo. | Stacio. | Ondlongo Metroj. | Potenco. Kv. | Programo. |
|---|---|---|---|---|---|---|
| **Dimanĉo :** | 16, 23 | 09.15–09.45 | Lille | 247 | 60 | K.P. |
| | 9, 23 | 22.40–23.10 | Hilversum | 301 | 100 | P. |
| **Mardo :** | 4, 11, 18, 25 | 20.00–20.10 | Tallinn | 410 | 20 | P. |
| | 4, 11, 18, 25 | 21.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| | 4, 11, 18, 25 | 23.30–23.45 | Rio de Janiero PRF | 31.58 | 15 | P. |
| **Merkredo :** | 5, 12, 19, 26 | 14.00–14.20 | Paris PTT kaj relajsoj | 431 | 120 | K. |
| | 5, 12, 19, 26 | 18.35–19.00 | Wien kaj relajsoj | 506 | 100 | K.P. |
| **Ĵaŭdo :** | 6, 13, 20, 27 | 21.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |
| **Sabato :** | 8, 22 | 17.10–17.25 | Hilversum | 301 | 60 | P. |
| | 1, 15, 29 | ĉirk 17.10–17.40 | Hilversum | 1875 | 100 | P. |
| | 1, 8, 15, 22, 29 | 19.05–19.20 | Roma | 31.13 / 420 | — / 100 | P. |
| | 1, 15, 29 | 20.05–20.15 | Lyon-la-Doua | 463 | 90 | P. |
| | 1, 8, 15, 22, 29 | 21.00–**.** | Funchal CT3AQ | 75 | — | P. |

**KODO : P**=Parolado. **K**=Kurso.




**Manchester Public Libraries.**—As a result of the efforts of the Manchester and District Esperanto Union, the City Library Authorities have purchased a large number of books on and in Esperanto, and have published a printed list of some 150 such books available for home reading. The Chief Librarian has arranged for 900 copies of this catalogue to be distributed to the public, whilst 300 are at the disposal of the Union for private distribution, and a further 300 are being held in reserve for those attending the S.A.T. Congress in Manchester this year.

Copies of the Esperanto Catalogue may be obtained on application to the Chief Librarian, C. Nowell, Esq., Central Library, St. Peter's Square, Manchester 2.

Esperantists resident outside the Manchester District may borrow these books free of charge if they are members of their local public libraries. Manchester residents may also borrow them gratis, and residents of Prestwich, Stretford, Stockport and surrounding localities on payment of 2s. 6d. per annum.

**The World Citizen.**—This is the title of a new periodical launched in July of this year by *Cosmopolis*, the World Federation movement originally known as the *H. G. Wells Society* (see article in June *B.E.*, page 323). In a preliminary prospectus we find the following among the ideals for which the new paper stands :—

> One level of education throughout the world, and ultimately one language; to this end it recommends Esperanto as an auxiliary tongue and its use to attain a common world culture based on the teaching of Universal Evolution.

The price of *The World Citizen*, which is to contain an Esperanto corner by E. D. Durrant, is 2d., and the address of the publishers is: 2 Hanway Place, London, W.1.

**Valencia.**—The Tourist Office of this Spanish City has published an attractive folder with artistic coloured pictures, captioned in Esperanto. Obtainable free on application to Sociedad Valenciana Fomento del Turismo, Bajos del Ayuntamiento, Valencia, Spain.

**Austria.**—The country which, this month, is welcoming the Universal Esperanto Congress, has produced a profusion of illustrated booklets and folders, with Esperanto text, for the benefit of tourists. The following are obtainable for one reply coupon from Universala Kongreso de Esperanto, Vienna I, Neue Burg: *Aŭstrio*, 32 pages of text and pictures; *Karintio*, illustrated folder with relief map of the region, and *Klagenfurt-Wörthersee*, illustrated folder with hotel guide.

*Vieno dum ĉiuj sezonoj*, containing much practical information, may be obtained free from Fremduloficejo, Vienna VII, Mariahilferstr. 2, Messepalast.

In addition, the town of Wels has added a short text in Esperanto to the folder advertising its People's Festival, 30 Aug.–6 Sep. Write to Welser Volksfest, Wels, Austria.

As we go to press we learn that the Austrian postal authorities have issued a series of 50 official stamped postcards, with views of Vienna and the most picturesque regions of the country, and text in German, French, English and Esperanto.

**Czechoslovakia.**—The State Railways of this Republic have published illustrated monographs on the Riesengebirge and the High Tatra, and from the capital comes a folder guide to Prague with illustrations and useful information for the tourist.

**Danish Scientists and Esperanto.**—The Annual Report of the Phytopathological Laboratory of a firm of seed growers in Copenhagen, published in Danish, contains summaries of its contents in English and Esperanto. This is the first Danish scientific publication to use Esperanto for this purpose. Copies may be obtained free from S-ro Paul Neergaard, J. E. Ohlsens Enke, Linnésgade 14, Copenhagen, Denmark, who would, however, be glad to receive in exchange any scientific publications from other countries with summaries in Esperanto, in order to facilitate his endeavours to introduce Esperanto into the Danish scientific literature.

# LA SPEGULO DE SWANWICK

AMATORAJ "PAFOJ"
ĈE LA 27a KONGRESO

-o-

1. La sajn - orkestro de la Nottingham-anoj.
2. Nia Prezidanto alvenas por la oficiala foto.
3. Kongresanoj lernas popoldancojn.
4. La instruisto, S-ro G. D. Nash, demonstras Morrisdancon.

-o-

*Noj. 1, 3 kaj 4 faritaj de F-ino B. Hoyle, kaj No. 2 de S-ro J. M. Baxter.*







# BALTA VOJAĜO DE BUCHANAN-PREMIITO



M. M. DU MERTON.

De MARK M. DU MERTON, B.A.
*" Overseas Secretary " de B.E.A.*

KIOM da diversaj, kolorplenaj impresoj kirliĝas en la kapo de hejmveninta vojaĝanto, kiu saĝe elektis por sia migrado la belajn landojn ĉirkaŭ la Balta Maro ! Ravis lin ne nur la majesto kaj trankvilo de la mara kaj arbara pejzaĝo, sed precipe la kortuŝa gastamo de la bravaj nordaj popoloj.

Mi vojaĝis kiel premiito de la Universitato de Liverpool (John Buchanan Prize—vidu *B.E.* de julio, p. 335). En ĉiu loko mi parolis pri la graveco de la interesiĝo pri Esperanto montrita de tiu fama angla universitato. En Skandinavio ĉiu kredas, ke la angla lingvo jam estas mondlingvo ; la fakto, ke britoj serioze studas Esperanton, faris profundan impreson al miaj aŭskultantoj.

**Dana Kongreso**

Mi decidis, laŭ la kondiĉoj de la premio, akcepti la inviton de la danaj samideanoj al ilia Jarkongreso je Pentekosto en Randers, kaj veturis tien kun S-ro E. D. Durrant, kiu min akompanis fine ĝis Stokholmo. Neforgesebla estis la afableco, per kiu la danoj, kaj precipe S-roj N. Bagge kaj A. P. Hauerholt, nin gastigis. Niaj paroladoj ĉe la kongresfesteno ricevis viglan atenton, kaj bonaj raportoj aperis en la lokaj ĵurnaloj. Ni priskribis la novajn progresojn en Anglujo, la interesiĝon flanke de edukistoj, kaj niajn rilatojn kun aliaj pacmovadoj. Graciaj popoldancoj sekvis. Dancante dum la balo kaj ekskursante en la milde belan kamparon, ni akiris multe da novaj amikoj inter la danoj.

Tra Danujo ni pluveturis al Frederikshavn, kie S-ro P. Bertelsen nin helpis pri enŝipiĝo por Svedujo. Post trankvila kaj sunbrila tago la ŝipo alportis min tra la nuda insularo ĝis la haveno de Göteborg. Atendis min gesamideanoj sur la kajo, inter ili S-ro E. Ekström, kiu prezentis S-ron Durrant kaj min al la Esperantista Klubo de A.B.F. (asocio simila al Workers' Educational Association) kaj al la redaktistoj de la ĵurnaloj, *Ny Tid* kaj *Göteborgs-Posten.* Aperis informriĉaj raportoj pri nia komuna vojaĝo Esperantista en ambaŭ gazetoj. S-ro Durrant restis tie ĝis dimanĉo, la 7a de junio, kaj partoprenis ekskurson de la tramista grupo, al kiu li faris sukcesan propagandan paroladon.

**Norvega kaj Sveda Ĉefurboj**

Dumtempe mi plurapidis sola al Oslo, kaj jam en la stacidomo mi ricevis ĉarman bonvenigon de dek du gesamideanoj. En ilia gaja rondo mi vespermanĝis alte sur Ekeberg superrigardanta la fjordon, dum la bela norda nokto falis kaj la stratoj de Oslo konturiĝis de milope briletantaj lumetoj. Kun tiu sama rondo, en kiu estis kelkaj oficuloj de Norvega Esperantista Ligo, mi ekskursis al arboriĉa insuleto en la fjordo ; kaj akompanate de Kapitano R. Bugge-Paulsen unu tagon, kaj de Ges-roj Sletteröd kaj F-ino D. Henriksen duan tagon, mi traesploris Oslon kaj ĝiajn historiajn memoraĵojn.

Kap. Bugge-Paulsen aranĝis ankaŭ la radio-intervjuon de 20 minutoj, kiu okazis en Oslo la 8an de Junio (17.30 h.)—kiel oni anoncis en *B.E.* de julio. Ĝi temis pri la novaj progresoj de la angla movado, kaj mi forte esperas, ke ĝi helpis al la propagandado de miaj simpatiaj norvegaj amikoj.

Senkompare bela estas la situo de Stokholmo, vera reĝino de la Balta Maro. Tie ni unue pilgrimis al la fama Urbdomo ; la internaj ornamaĵoj surprizis S-ron Durrant kaj min per neatendita ekzotikeco.

Malnovan Svedujon kaj popolan vivadon ni povis ekkoni en la parka muzeo Skansen. Post konatiĝo kun Esperantistoj en vespera kunveno, forte nin allogis al vagado tra la urbo la aerfreŝo kaj sorĉa krepusko de noktomezo.

La kontaktoj, kiujn ni faris kun la viglaj Stokholmanoj, estis por ni tre stimulaj. El la diskutadoj kun oficuloj de la sveda movado ni esperas fruktodonan kunlaboron. Dank' al la klopodoj de S-ro E. Malmgren, okazis intervjuoj kun ĵurnaloj, *Dagens Nyheter* kaj *Socialdemokraten*. La dua sendis Esperantistan reprezentanton.

**En Finnlando**

Kun bedaŭro mi rerigardis de sur la finna ŝipo, dum malaperis Stokholmo en sia verda zono. Morgaŭan matenon min salutis sur la kajo de Turku finna samideanino, F-ino A. Ekström. Kastelon, katedralon kaj urbon mi vidis ; mi prezentiĝis al la liberala organo, *Turun Sanamat*, kiu presis bonan artikolon.

Vespere mi alvenis en Helsinki, sed apenaŭ mi havis tempon ĉirkaŭrigardi, ĉar mi devis pasigi la dimanĉon inter samideanoj en Viipuri. En tiu progresema urbo (vidu nur la super-modernan bibliotekon !), kiu tamen konscias pri sia pasinteco (memoru la mezepokajn kostumojn de la kelnerinoj en la Ronda Turo !), min afable gastigis S-ro H. Koivu. De tie mi pilgrimis, akompanate de S-ro V. Setälä el Helsinki kaj S-ro R. Sakowicz el Mlava (Polujo), kiuj ankaŭ kunekskursis, al la grandiozaj riverrapidejoj de Imatra. Ŝaŭmego tondranta super ŝtonegoj—kun fono de abiaro.

Denove en Helsinki, mi troviĝis inter ege ĉarma amikaro. Kiom fieras la finnoj pri sia digna ĉefurbo ! Arkitekture ĝi ja indas admiron, eĉ de Londonano. Mi paroladis tie al subĉiela kunveno de Esperantistoj pri la angla movado, kaj havis intervjuon kun la gravega liberala ĵurnalo, *Helsingin Sanomat*, kiu poste publikigis sufiĉe detalan raporton, kvankam ĝi ĉiam malfavoris Esperanton. Al S-ino T. Leivo en Helsinki mi precipe ŝuldas dankon. Estas neeble mencii ĉiujn personojn, kiuj min helpis dum mia vojaĝo, ĉar en ĉiu loko mi spertis la servopretecon de niaj sindonemaj delegitoj de U.E.A. La sukceso de la vojaĝo grandparte dependis de ili.

Reveturante hejmen, mi povis fari rapidan ĉirkaŭrigardon en Kopenhago kaj tiel kompletigi la serion da baltaj ĉefurboj vizititaj. Kiom subtile ĉiu metropolo prezentas siajn apartajn karakterizojn ! Kvazaŭ amata vizaĝo, ĉiu restas, individue bela, gravurite en la memoro.





SUR LA KAJO EN HELSINKI
La trio estas (de maldektre) :
S-ino Tamminen (ĈD de UEA), S-ino Leivo kaj S-ro Kivisalo

# OUR BOOKSHELF

*Books starred are stocked by the B.E.A. Others should be ordered not from the B.E.A. but from the address given.*
*POSTAGE EXTRA.*

***Romano de San Michele.**—*De Axel Munthe. Trad. Jenny Weleminsky. Eldonis Literatura Mondo, Budapest.* 511 *pp. broŝ.* 7*ŝ.* 6*p., bind.* 9*ŝ.*

La eldono de Esperanta traduko de ĉi tiu konata angla verko (unue eldonita en 1929) certe estas tre bonvena. La libro rakontas la spertojn de sveda kuracisto kaj estas same interesa al nefakuloj, kiel al kuracistoj. Liaj spertoj ĉe la Salpêtrière, dum Charcot tie faris siajn konatajn eksperimentojn pri la hipnotismo, nepre havos specialan intereson al ĉi tiuj. Iuj personoj sendube trovos kelkajn partojn, ekzemple tiujn pri la ĥolera epidemio en Napolo, teruraj, eĉ naŭzaj. Tamen, la vivo de kuracisto ja enhavas tiajn malagrablaĵojn, kaj la aŭtoro certe pravis, montrante la aferojn, kiaj li trovis ilin.

Aliaj partoj estas kompense belaj. Plej plaĉe estas legi pri lia laboro ĉe la kuracado kaj prizorgado de bestoj, al kiuj li ŝajnas pli simpatia, ol al homoj. Agrable estas legi ankaŭ pri lia neprofesia vivado sur la insulo Capri. *San Michele* estas la nomo de lia tiea loĝejo. Foje en ĉi tiuj partoj la stilo fariĝas iom mistika kaj malfacile komprenebla. La aŭtoro vizitis multajn landojn, kaj ĉapitro pri vizito al Laponlando donas interesan bildon pri la vivo kaj pensmaniero de ĉi tiu malmulte konata popolo.

Zorga komparado kun la originalo montras, ke la traduko estas majstre farita, des pli, ĉar la tradukinto ne estas angla. Kial, tamen, oni elektis neanglon por traduki anglan verkon? Mankas la nenecesaj neologismoj, kiuj foje difektas eldonaĵojn de Literatura Mondo, sed persistas la misskribado de la numeraloj—la ĝusta formo estas, ekzemple, ne *dudekses* sed *dudek ses*, t.e. po unu vorto por ĉiu cifero, laŭ la ekzemploj donitaj de Zamenhof en la *Ekzercaro*. Eble estus pli bone, ne peni montri per subnotoj la prononcon de neesperantaj nomoj; ekzemple, Madame Réquin ne rekonus sian nomon, se oni prononcus ĝin *Röken*, kaj Sir John Scott certe ne nomas sin Ser Ĵon Skot. La presistoj ne sufiĉe zorgis pri la supersignoj ĉe fremdlingvaj vortoj. Tamen, ĉi tiuj malmultaj malperfektaĵoj tute ne malbonigas tre legindan kaj bonstilan libron.

D. R. D.

**A Plan for Obtaining Agreement on an Auxiliary World-Language.** — *IALA,* 415 *Lexington Avenue, New York.* 27 *pp., prezo ne montrita.*

Ĉi tiu broŝuro resumas la ĝisnunan agadon de IALA, kaj klarigas ĝian nuntempan celon: krei finfine iun plej perfektan formon de I.L., kiu per sia perfekteco allogos al si la partianojn de ĉiuj sistemoj, kaj tiumaniere atingos plenan unuecon.

Dum IALA sin limigis al propagando por la ĝenerala ideo de I.L. ĝi estis sendanĝera, kaj eĉ faris multe da utila laboro. Sed la nuna projekto ŝajnas ne nur senutila, sed eĉ malutila: la vivo ja solvis la problemon favore por Esperanto; la reklamitaj konkurantoj praktike formortis. Elpensi nun projekton novan nur signifus ripeti la Delegacian fiaskon, kaj denove malakceli ĉian progreson. Malamikojn ni ne timas; sed Dio nin protektu kontraŭ niaj amikoj, eĉ plej bonintencaj.

M. C. B.

***Manual of Conversation for the use of Tourists.** — *L'Alliance Internationale de Tourisme, Bruselo.* 116 *pp.*, 1ŝ. 3p.

Jen turista frazlibro en lingvoj angla, dana, franca, germana, Esperanta, hispana, itala, kaj nederlanda. Ĝi estas verko praktika kaj grava. Interalie, nia A.A. ĝin agentas por membroj vojaĝontaj alilanden. De lingva vidpunkto ĝi estas aparte interesa ; ĉar ĝi enhavas vortojn ne facile troveblajn en la vortaroj, tamen bezonatajn en la praktiko.

La Esperanta kolumno estas bone tradukita. Oni tamen povas esperi kelkajn plibonigojn rilate detalojn en venonta eldono. La parto malplej kontentiga estas, kompreneble, la teknika. La terminoj en la ok kolumnoj ne ĉiam samsignifas : ekz., *tow-rope* ne tradukas *treni*. Cetere, kelke da Esperantaj terminoj ankoraŭ mankas, aŭ bezonas precizigon. Ni ankoraŭ atendas Esperantan ilustritan eldonon de la Schlomann's Teknika Vortaro (aŭ simila), por klare diferencigi inter *klapo* kaj *valvo ; kajlo, klapo, kliko, stango, steo, stifto*, k.m.a.

Ĉe la sekcio bicikla kaj aŭtomobila ekzemple, eble la terminoj interkrampaj estus pli bonaj : *ball-bearing*, kuglorulo (kuglo)lagro ; *brake*, haltigilo (bremso) ; *carburettor*, karburatoro (karburilo) ; *chamois-leather*, haŭto (ŝamo) ; *chassis*, kadro (ĉasio) ; *float*, flosilo (flotaĵo) ; *frame (bicycle)*, kadro (framo) ; *ignition*, ekbruligo (aparkigo, sparkado) ; *gear*, rapido (rapidumo) ; *gear-change*, rapidec-ŝanĝigilo (ŝanĝo de rapidumo) ; *joint*, kunligo (junto) ; *puncture*, traboro (trapiko) ; *spark*, fajrero (sparko) ; *sparking-plug*, eksplogidilo (sparkilo ; *tyre*, bendrado ((rad)bendo). M. C. B.

**France.**—*Dr. Cloudesley Brereton. Heffer and Sons, Cambridge. One Shilling.*

In this excellent introductory sketch Dr. Brereton touches on every aspect of French life and thought with the ease of one who is an authority on the subject. The historical, colonial, political, business, social, and home-life of France are reviewed with acuteness and wit, and there is a sound sketch of French literature from the *Chanson de Roland* to André Gide.

K. R. C. S.

**Jarlibro de la Esperanto-Movado, 1936.**—*Eldonis Universala Esperanto Asocio, Ĝenevo-Londono. Senpaga por Aktivaj Membroj de U.E.A.* 189 *pp. broŝ.*

Jen la unua frukto de la Londona Oficejo de U.E.A., kies nova Direktoro, S-ro C. C. Goldsmith, meritas gratulon pro la akurata eldono de plena Jarlibro. Malpli dika ol en antaŭaj jaroj—krom 1935, kiam ĝi estis nura suplemento—la utilega *vade mecum* de la Esperantistoj tamen enhavas, krom la laŭlanda listo de Delegitoj, ampleksajn raportojn pri la laboro de niaj institucioj, kaj pri la stato de la Movado en la diversaj landoj.

Klara preso kaj bona papero kompletigas la plaĉan aspekton de la libreto, kiu devus esti en la manoj de ĉiu serioza Esperantisto.

**Normigo.**—*Mikaelo Gitterman.* 16 *pp. Eldonis "Ekrelo." Presis Mospoligraf* 11, *Ribinskaja* 3, *Moskvo* 2.

Tre interesa kaj informa resumo pri la estiĝo kaj progreso diverslande de la movado por normigo (*standardization, normalization*) alivorte, difino kaj ĝeneraligo de tipoj, formoj, dimensioj, pezoj, materialkvalitoj, fabrikprocedoj. Kritiketo : la nomoj *Anglio, Witwort, Georg Steffenson, Tajlor, Edisson*, malagrable impresas la leganton : ili estas nek anglaj, nek Esperantaj, nek fonetikaj.

**SEF-Jarlibro.** — *Jarlibro de Sveda Esperanto-Federacio. Oficejo :* 18 *Drottninggatan, Stockholm* 1. 72 *pp.*

Tre interesa raporto pri la agado de la Federacio dum la pasinta jaro, kun detaloj interalie pri ĝia trijara plano, membraro (2,681 membroj, 115 kluboj daŭra kresko), verda semajno propaganda, gazetara propagando, kursoj, vojaĝado prelega aŭ turisma, Esperanta filmo (efika sed monperdiga), fluganta ekspozicio, afiŝtabuloj, modelprelegoj, Eldona Societo, koresponda kurso, k.s. Solida kaj fierinda laboro. Sekvas informaro, konsilaro, membrolistoj de la div. kluboj.

**IALA Annual Report for 1935.**—16 pp., prezo ne montrita.

